# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

MAJO-JUNIO 1941
37-a Jaro — N-ro 489 (3)

Jara abono .... Fr. sv. 10.–
(Kun ricevo de la jarlibro)
Anonco: Korespondado
du linioj .......... 1.–
Reklamo: Kolonero
unu centimetra..... 1.–

Poŝtĉeko svisa: Genève I 2310
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76

ENHAVO:



Redakcio: Palais Wilson
GENÈVE, Svislando

Fondinto: Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob

Presita 15 Aŭgusto 1941

## Post la milito.

Dum la milito pensu al la paco! Banala diraĵo, ĉar ĉiu nur pensas je la fino de l'detruado kaj je reveno de pli bonaj kondiĉoj. Sopire la homaro atendas tion kaj ne malmultaj cerbumas, kiel aspektos la socio. Por multaj nunaj ĉefoj, la ĉeso de la militado signifas problemo de nova batalo: kiel okupigi la armeojn revenontajn, kiel trovi la ponton inter detrua agado al efektive konstrua. Grava problemo estos ricevi krudmaterialojn el transmaraj landoj. Pli grava estos ankaŭ la problemo de l'interŝtata aŭ ni diru interkontinenta pagado. Nek estos eble reveni al la libera interŝanĝo nek estos verŝajne la daŭrigo de l'nuna sistemo de kontingentado, limigado kaj interŝanĝo de varo kontraŭ varo. Kaj iuj pensos pri tiuj problemoj nur kun timo, ĉar de kontentiga solvo dependos por iuj eĉ la konservo de l'povo kaj de reĝimo.

Ĉiu internacia movado ankaŭ dependas de minimume kontentiga solvo de supraj problemoj. Libera interŝango kaj libera trafiko estis je la bazo de l'internaciismo kiel ni ĝin konis en 1914. Por la Esperanto-movado kiel unu el la plej internaciaj movadoj, pro la rekta rilatado de la adeptoj, la postmilita situacio sublevos aron da problemoj de unua graveco. La ĉefa estas la ordigo de l'internacia organizo. Estas antaŭvideble ke eĉ sub nova politika ordo en Eŭropo, certaj ĉenoj katenantaj la disvolvon de nia ideo, falos. Pli verŝajna estos la kreo de federacio de nacioj kiu evitos la erarojn, almenaŭ parte, de la estinta Ligo de Nacioj. La deklaroj de la usonaj gvidantoj ne lasos iun dubon pri tio, ke Usono ne kontentiĝos per paperaj ŝuldatestoj sed postulos efektivajn garantiojn materiajn kaj moralajn.

Ni devos antaŭvidi jam nun kiel ni restarigu la movadon. Kaj tuj nia rigardo turnas sin al tiuj landoj, kie Esperanto estis forblovita. Sen tiuj landoj, nia tuta agado ne havas sencon. Ĉefa tasko tiam estos, regrupigi la ankoraŭ ekzistantajn fidelulojn, kuraĝigi ilin kaj subteni ilin per materialo. Mankas la suko de l'agado, la lernolibroj, la vortaroj. Utile estus pensi je seria fabrikado de normigita gramatiko en la ĉefaj lingvoj, rusa, pola, ĉeĥa, germana k. a. Kaj ligi la eldonon de tiuj lerniloj kun la organizo, tiel ke ĝi posedu gravan elementon de enspezoj. Raciigado kaj normigado devas esti la signalvorto. En la pasinto, la grupigo esperantista estis nacia. Kaj per la nacia al la internacia. La estonta formo estos alia, ĉiuokaze la nacia supereco (en esence internacia movado!) devos malaperi. Justa kaj ĝusta ekvilibro de la rimedoj disponeblaj (ili estos malmultaj) saĝa limigo en la klopodoj kaj racia uzo de homa forto estos al la bazo de la nova ordo en Esperantujo. UEA montros la vojon sekvotan. En sekvontaj artikoloj ni konigos kion ni dume jam entreprenis por prepari la grundon.

H. KURSTEINER.

# La helpo al la familio Zamenhof

## Naŭa raporto: Lidia Zamenhof vivas.

En la Januara numero de ESPERANTO (Sepa raporto pri la helpo al F. Z.) ni atentigis pri la danĝero de senzaciaj informoj, rimarkigante ke la realeco mem estas sufiĉe doloriga. Kvankam ESPERANTO estas regule sendata al sudamerikaj gazetoj, okazis ke brazila taga gazeto informis pri la morto de Lidia Zamenhof, laŭdire okazinta dum decembro 1940. Kaj esp. gazeto PERNAMBUCO ESPERANTISTA tion represis. Ja eĉ en Svedlando, konata samideano parolis pri forpaso de Lidia Zamenhof!

Ĉi tiuj informoj estas senzaciajoj, senfundaj. Lidia Zamenhof vivas. La Esperantista Interhelpo estas en regula kontakto kun la F. Z. Ni reproduktas tie ĉi propramane skribitan poŝtkarton de L. Z. datitan de Junio 1941.

La nuna ekzemplo montras okulvideble la malsufiĉon de regula informado pri nia servo en naciaj esp. gazetoj. Neniam aperis informo pri la vasta klopodado de UEA en sudamerikaj periodajoj esperantistaj, ja eĉ BRITISH ESPERANTIST, sveda gazeto LA ESPERO ne bontrovis informi sian legantaron pri la efektiva helpo, regule plenumata de la kunlaborantoj de l'Esperantista Interhelpo. Ni konstatas tion, komentarion ni ne faras.

Dank'al nova ebleco ni povas sendigi pakajojn de nutrajoj el ....... Germanujo! Sed tiu ĉi ebleco estas multekosta, temas pri varoj el la libera haveno de Hamburgo, vendata kontraŭ devizoj (ne germanaj). Kaj de Portugalo foriras regule sendajoj malgrandaj, pri kio sindone okupiĝas samideano Manuel de Freitas, ĉefdelegito de UEA.

Warschau, den 25. VI 1941

Lieber Herr Jakob,

Ich bin sehr zufrieden Ihnen mitteilen zu können, dass wir schon zwei Päckchen aus Porto erhalten haben. Auch habe ich gestern aus Göteborg ein Packet erhalten.

Ich danke Ihnen herzlichst für Ihre Mühe.

Mit herzlichen Grüssen,

Lidia Zamenhof

## Monsendoj



### Svislando

Donacoj ricevitaj de l'unua de Aprilo ĝis fino de Junio 1941:

S-ro Ed. Ducommun, Les Brenets, 5.—; S-ro D-ro Perrenoud, Neuchatel, 5.—; Esp. Grupo de Basel (S-ro Bachmann), 5.—; F-ino A. Lapp, Genève, 5.—; S-ro Paul Le Brun, Montreux, 4.—; F-ino Voirol, Biel, 10.—; Kolekto dum Svisa Esperanto-Tago en Langenthal, 35.—; S-ro Hiltpold, Vevey, 5.—; S-ro Ernest Schweingruber, Genève, 4.—; Esp. Grupo, Herisau, 40.—; Prof. Charles Baudoin, Genève, 3.—; S-ro Lauber, Luzern, 1.50.

Tuta sumo de nuna listo (ĝis 30a de Junio) . . . . Fr. 132.50.

### Usono

Kolekto farita inter Baha-anoj en Usono, favore de F-ino Lidia Z., (Mono transdonita de S-ino Lynch, Genève) . Fr. sv. 223.—.

### Rumanio

H. Harabagiu, Delegito de UEA en Bucuresti sukcesis sendigi du pakajojn da nutrajoj al Varsovio. Dum redaktado de la nuna teksto venis konfirmo pri alveno (15 Julio 1941) — Ni dankas kore sinjoron H. pro tiu ĉi kunhelpo, ĉar ĉio iĝas nun pli kaj pli komplike kaj maleble.

Resumo de ricevitaj aŭ avizitaj donacoj dum 1941:

Antaŭa numero: . . . . . . . . . . . . . . . . . 1649.65

Nuna komuniko 132.50 kaj 223.— . . . . . . . . . . . 355.50

Fr. sv. 2005.15

Genève, 15 Junio 1941.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

Esperantista Interhelpo

# En okcidento brilas la stelo!

## Letero el Brazilo

El oriento venas la lumo, oni iam diris. La tempoj ŝanĝis kaj en oriento flagras fajro de la milito. Angore la rigardo de l'homoj en Eŭropo turniĝas al Okcidento, al potenca Ameriko, esperante savon el minacanta malsato kaj mizero. Kaj ni Esperantistoj ankaŭ rigardas tien por serĉi lumeton, al ni montrantan, ke nia idealo ne sufokiĝis en aliaj mondpartoj.

Jen venis al nia redakcio detala letero de unu el plej fervoraj batalantoj brazilaj. Kaj ŝajnis al ni plej bone, represigi la tutan leteron.

Rio de Janeiro, 29an de Marto 1941.

Universala Esperanto Asocio
Palais Wilson, Genève.

Estimataj samideanoj,

Kvankam sen la espero, ke vi ricevos mian leteron — ĉar de longe neniun respondon mi ricevas el Eŭropo — mi sentas la devon doni al vi kelkajn informojn pri nia movado. Jam de longe mi ne ricevis eŭropajn gazetojn. Nun kun plezuro mi ricevis la numeron de Aŭgusto-Decembro de ESPERANTO. En Artikolo titolita „La Esperanto Movado en la uragano" mi legas: „Suda Ameriko komplete silentas".

El tiu frazo mi konstatas, ke vi ne ricevas niajn gazetojn. Sed tre regule aperas ĉiumonate „Pernambuco Esperantista" jam de tri jaroj kaj „O Brazil Esperantista" ankaŭ de tri jaroj aperas regule dumonate. „Tutamerika numero" aperis unufoje kaj nun aperas denove. Nia movado estas nun tre vigla, eĉ multe pli vigla ol en iu ajn alia tempo.

Dum la jaro 1940 oni fondis en Brazilo 18 novajn societojn. Tri grandaj radio-stacioj en Rio de Janeiro, Sao Paulo kaj Pernambuco regule disradiis lecionojn, paroladojn kaj informojn. Mi mem estras radioprogramon jam de du jaroj ĉiam tre regule. Kursoj funkciadas tra la tuta lando. Gravaj revuoj havas konstantan fakon pri aŭ en Esperanto jam de kelkaj jaroj. Eble vi demandas: Kial precize nun, dum uragano, via movado tiel brile kreskas kaj prosperas? Ĉu tio ne ŝajnas paradokso? Tamen estas tiel kaj mi devas klarigi la kialon.

En 1936 mi opiniis, ke la hispana milito disvastiĝus tra la tuta Eŭropo kaj senigus nin de niaj librofontoj, same kiel okazis en 1914—18, kiam nia movado plene mortis pro manko de la libroj eldonitaj de Hachette & C-ie. Kun tia penso, mi importadis grandan provizon de libroj: 100 Esperanto por infanoj de Salomon, 100 Fundamenta Krestomatio, 200 La Sankta Biblio en Esperanto, 500 La Nova Testamento kaj da ĉiuj aliaj libroj malpli grandajn kvantojn. Samtempe mi komencis la eldonadon de lernolibroj kaj legolibroj: Esperanto semmestre, Metodo de Esperanto, Esperanto-Modelo, Guia de Conversaĉao Portugues-Esperanto, Manual completo de Esperanto, Monumento de Carlo Bourlet, Primeiro Manual de Esperanto, Curso de Esperanto pela Biblia, O Evangelho segundo S. Joao em Portugues e Esperanto, Dicionario Completo Esperanto-Português, Essencia e futuro da ideia de Lingua Internacional, Por que devemos aprender o Esperanto? A Missao do Esperanto, Veterano = Livros & discos em Esperanto, k. t. p.

La eldonitaj libroj estas disvendataj en ĉiuj librovendejoj de la lando kaj senpage disdonitaj al ĉiuj publikaj bibliotekoj. La tuteŭropa milito ne venis tiel frue, kiel mi atendis ĝin, tial de diversaj libroj mi devis fari duan tr.an kaj eĉ kvinan mendojn el Eŭropo; tial kiam la atendata de mi milito venis, nia nova movado jam havis fortan fundamenton kaj ne ĉesis ĝis nun ĝia regula kreskado. Memkompreneble, se en 1941 ni fondis 18 novajn societojn malgraŭ la milito, sen la milito ni estus kredeble fondintaj multe pli da ili.




Brazilaj eldonaĵoj — Foto: A. Bavaud

Nur ni preparas novajn librojn. Baldaŭ (post du semajnoj) aperos **Diverskolora Bukedeto,** poemoj kaj poemetoj, tradukitaj el 40 lingvoj, de F. V. Lorenz. Nova vortaro aperos post kelkaj monatoj. Nur dum la tri lastaj jaroj ni eldonis centoble pli da ekzempleroj da libroj ol dum la tuta antaŭa ekzisto de Esperanto. Kaj tion ni faris ĉar mi konstatis, ke ni jam de Eŭropo devis nenion atendi. En la komenco de nia movado ĉiuj libroj estis presitaj por ni en Eŭropo, ĉu de Hachette ĉu de aliaj firmoj. De nun ni nenion devas atendi de Eŭropo, ĉu ne vere? Tute kontraŭe ni devas peni por helpi niajn eŭropajn samideanojn. Por hispanlingvanoj ni jam eldonis du lernolibrojn: „Curso Fundamental de Esperanto" kaj „Manual de Esperanto". Al Portugalujo mi regule sendas ĉiujn niajn librojn pogrande kaj la rezultato estas, ke la movado en Portugalujo ankaŭ bonege prosperas.

Ne pensu, ke mi deziras fanfaronadi pri niaj laboroj. Tute alia estas mia celo. Mi deziras nur komprenigi, ke Esperanto vere estas mondmovado, ĉar en ĉiuj landoj oni amplene sin oferas por ĝia triumfo. Tial eĉ se dum jardekoj granda parto de nia planedo restas sub la uragano de militego, la ideo ne mortas, ĉar en aliaj lokoj oni laboras por ĝi kun entuziasmo. Nun ni en Brazilo faras plej grandajn klopodadojn. Eble ni devos ĉesi, ĉar la malfeliĉo povas atingi nin ankaŭ. Sed en aliaj lokoj aliaj homoj restos fidelaj.

En la venonta monato Aprilo okazos en Rosario la unua Argentina Kongreso Esperantista. Pri ĝi mi sendas al vi glumarkon. La movado en Argentinio ankaŭ iomete prosperas. Bedaŭrinde en aliaj amerikaj landoj oni ankoraŭ ne posedas lernolibrojn. En Usono oni importadis el Anglujo. En Hispanameriko el Hispanujo. Sed mi pensas por komprenigi al ili, ke la importado ne solvas la aferon. Ni bezonas grandskale presi niajn lernolibrojn kaj ilin malŝpare distribuadi.

Mi korespondadas kun multaj novaj samideanoj tra Brazilo kaj konstatas kun ĝojo ke niaj junaj samideanoj kaj samideaninoj ne estas malpli fervoraj ol ni mem antaŭ 30 jaroj. Ili varme amas la lingvon kaj la ideon. Eĉ infanoj skribas al mi kun varma entuziasmo. Do ni nenion devas timi. La militoj pasos kaj la homaro restos.

Kun granda doloro mi legis pri la morto de Ed. Stettler kaj Vilmos Bleier. La artikolo pri Esperantista Interhelpo venigas al ni larmojn en la okuloj. Ni kunsuferas, sed tia simpla fakto ke ni kunsuferas jam estas io grava, ĉar sen Esperanto ni eĉ neniel scius pri niaj kompatindaj homfratoj en la malproksima Eŭropo.

Vin samideane salutas via

**Ismael Gomez Braga.**

## XV-a Kongreso de la Hungara Esperanto-Federacio, Szentes

Dum pasinta pentekosto okazis la dekkvina landa kongreso de la hungara federacio en urbo Szentes. Protektis la kongreson la ŝtatsekretario **Miklós Bonczos**, la malferman kunsidon ĉeestis la vicurbestro. Pentekosta dimanĉo post diservo, komencis la kongreso per depono de florkronoj ĉe la naciaj monumentoj. Ĉe la statuo je la honoro de la herooj, parolis pastro P. Morvay, instigante la esperantistojn sekvi la ekzemplon de la herooj, mortintaj por idealo. Prezidanto de la Hungara Federacio, samideano Kökény, parolis ĉe la monumento de l'plej konata hungara gvidanto, Kossuth, enkarniĝo de l'spirito de sendependeco kaj libereco. Ĉe la monumento de historiisto Mikaelo Horváth, (naskiĝinta en Szentes 1809) kaj ĉe la statuo de l'nekonata terlaboristo hungara, parolis Profesoro A. Marczell.

Prezidis la kongreson K. Turánszky. D-ro A. Benard, eks-ministro, malfermis la festkunsidon, esprimante interalie, ke per Esperanto li fariĝis pli bona hungaro. Afergvidanta prezidanto, Sinjoro de Mihalik, salutis la gastojn kaj skizis la laborcelon de nia movado. Ĝoje oni aklamis delegitojn el reveninataj teritorioj, Suda Hungarlando kaj Transsilvanio.

Streĉe oni aŭskultis prelegon de Profesoro O. Augusztiny, pri neceso de lerneja instruado de Esperanto, agante kontraŭ la tro forta influo de la instruataj fremdlingvoj, sekvata de F-ino Ilona Bodor, alvokante la virinojn interesiĝi pri nia afero, kaj S-ro Gyula Mészáros, sekretario ĉe popoledukado, skizante la historion de urbo Szentes. Sed la ĉefa ĝuaĵo estis parolado de Julio Baghy, postulante ke nia lingvo iĝu la interligilo en la rilatoj de la nova Eŭropo. Vera venkonto estos tiu, kiu donos pacon kaj amon al la popoloj, li diris finante.

Posttagmeze okazis vizitoj de muzeo, ekzamenoj de la pedagogia societo diversaj laborkunsidoj kaj promenoj. Lundo pentekosta la direktoro de l'muzeo malfermis en ĉeesto de la esperantistoj antikvan tombon en la ĉirkaŭaĵo, kaj donacis memoraĵon al ĉiu.

Menciinda estis ankaŭ okazigo de Filatelia ekspozicio, organizita de la Filatelia sekcio de l'H. E. F., malfermita de la urba poŝtestro. Ekzistis memora poŝtstampo pri la kongreso. (P. B.)

### Hungarlanda Esperanto-Societo

**La jarkunsido** okazis la 4-an de majo. La ĉeestintoj decidis, ke la societo laboru kun pli forta energio kaj oni elektis novan gvidantaron. Prezidanto fariĝis prof. Ludoviko Kökény, parlamenta sekretario, kiu en la jaroj 1932—35. jam gvidis la societon kiel afergvida vicprezidanto. Inĝ. Aleksandro Szathmáry kaj s-ino J. Janovszky fariĝis vicprezidantoj, Aleksandro Szalay presejoposedanto ĉefsekretario, Stefano Egervári sekretario, s-ino Mattyasovszky protokolistino, Emeriko Rédely kasisto, Maria Kleinberger, bibliotekistino, s-ino Bán kontrolistino, s-ino Kökény kaj vitéz Ladislao Horváth dommastroj, d-ro Eŭgeno Szilágyi prokurorp. s-ino John kaj Teodoro Kovács anoj de la kontrola komitato. Komitatanoj fariĝis Julio Baghy, Paŭlo Balkányi, Jozefo Cservény, Julio Csiszár, d-ro Leono Lorand, prof. Jozefo Mihalik, Eŭgeno Prader, Aleksio Tolnai. Honoraj anoj fariĝis: prof. d-ro Francisko Erdey kaj Stefano Turcsányi, redaktoro ĉe la hungara radio. Okaze de la kunsido faris pli longajn parolojn prof. Erdey, prof. Mihalik kaj la nova prezidanto.

**La nova ejo de de Hungarlanda Esperanto-Societo** estas: Budapest, IV., Kecskeméti-strato 6. Kunventago: lundo, de la sepa ĝis la duono post la naŭa vespere. La 26-an de majo HES aranĝis kunvenon kun programo, paroladojn faris L. Kökény. G. Halász kaj A. Szathmary.

### Meksiko

La Centra Meksika Esperantista Societo, en Mexico okazigis kunsidon en kiu partoprenis kelkaj samideanoj, inter ili kamarado E. Lanti.

Pritraktante la ĉefan aferon — tiun de la propagando —, oni decidis sin turni al la samideanoj en Argentinio demandante pri hispanlingvaj presaĵoj tial ke en Meksiko estas nun malfacile ilin aĉeti.

Oni faris kelkajn ŝanĝojn en la estraro, kiu nun estas tiele: Prezidanto, Dro. Ambrosio Vargas V.; Vicprezidanto, Jesús Amaya; sekretario, José Serano L.; Trezoristo, Ark. Francisco Azorin; Sek. de Organizo k Propagando, Dro. Luis E. Martinez; Sek. Bibliotekisto, Dro. Manuel Perea.

### Gazetoj Esperantistaj ricevitaj

Arbetar Esperantisten - Laborista Esperantisto N-ro 5-6, Majo-Junio 1941, Stokholmo. - O Brasil Esperantista n-ro 293-295, Oktobro-Decembro 1940: N-ro 296-297, Januaro-Februaro 1941: N-ro 298-299, Marto-Aprilo 1941 — Pernambuco Esperantista Decembro 1940: Januaro 1941 — The British Esperantist, N-ro 433-434, Majo-Junio 1941 — Bulgara Esperantisto, Marto-Aprilo 1941 — Comprendre (Lyon), Majo-Junio 1941 — Esperanto Internacia. n-roj 3-4 kaj 5-6 (Marto-Aprilo: Majo-Junio 1941) — Frateco, N-ro 5-6 Aprilo 1941 — Heroldo de Ĉinio, N-ro 34, Februaro 1941 (de Ĉungking — Hungara Heroldo N-ro 2, Junio 1941 — Renovigo, N-ro 37, Majo 1941, Mexico — Satana Bulteno, n-ro 2, Marto 1941, redaktas E. Lanti — La Semanto, Lausanne — Svenska Esperanto-Tidningen, La Espero, n-roj 5 kaj 6, Majo kaj Junio 1941. Svisa Espero, N-ro 2 (1941) — Tagiĝo, Bulteno de Esperanto Asocio de Hongkong, Aprilo 1941 —

Kun sincera bedaŭro ni sciiĝis pri la ĉeso de LA PRAKTIKO, la gazeto kiu amuzas kaj instruas, eldonita de Andreo Cseh, sekve de registara ordono.

# Niaj Mortintoj

**Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.**

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj de la nuna tempo aro da komunikoj atingis nin malfrue. Kelkaj informoj devis aperi jam en pasinta numero sed pro manko de spaco, la presisto remetis ilin.

**F-ino A. E. Baxter,** 74 jaraĝa en Liverpool

**S-ino Amélie Blondel,** Genève, iama anino de LA STELO, fratino de F-ino Lapp, kaj patrino de F-ino Marguerite Blondel, fervoraj esperantistinoj, 11 Julio 1941.

**Sinjoro Charles Irwin Evans,** 71 jaraĝa, en Glastonbury, ano de BEA de UEA n-ro ĝis 1936, vicprezidinto de la Esp. Kvakera Societo

**Sinjoro A. Ford,** Birmingham. DM de BEA,, 2 Marto 1941.

**Sinjoro Eugène Gabert,** Honora Membro de UEA, ano de ĝia fondo, dum longaj jaroj Delegito en Saint-Etienne forpasis 72 jaraĝa la 13an de Julio en Saint-Priest en Jarez. Per li malaperas ree figuro distinga de nia movado en sudorienta Francujo, konvinkita samideano de la malnova gvardio.

**Sinjoro Ernest F. Gray,** en Alton, Hants., 5 Februaro 1941.

**Sinjoro Edward A. Millidge,** 75 jaraĝa, 22 Marto 1941 pioniro en la brita movado, verkinto de la Esperanto-English Dictionary, unu el la plej bonaj vortaroj nacilingvaj.

**F-ino Maja Persson,** 28 jaraĝa, 17. 1. 1941 en Lund, Svedlando.

**S-ro Albert Schüssler,** profesoro, Kecskémet;
(Laŭ Hungara Heroldo)

**S-ro Zoltan Székely,** 67 jaraĝa, en Pestszentlőrinc, Hungarlando, dum Julio 1940. Unu el la pioniroj de la movado en Hungarlando, tradukinto de multaj noveloj, kunlaborinto de LA VERDA STANDARDO.

**S-ro Jozefo** Tihanyi, kolonelo, hungara samideano
(Laŭ Hungara Heroldo)

**S-ro Marcel Turksma,** 14. 5. 1940 dum la bombardado de Rotterdam plenuminte militistan devon.

**S-ro Attilio Vaona,** advokato en Verona, 60 jaraĝa, iam tre aktiva propagandisto, prezidinto de la Itala-Federacio.

**S-ro** F. **A. Vis,** predikisto protestanta, Oktobro 1940, en Heelsum, Nederlando.



EUGENE GABERT

Okaze de la tridekjara jubileo de la grupo en Saint-Etienne, samideano L. Thévenin, verkis rimportreton, laŭ maniero de Kalocsay, pri Eugène Gabert, mortinta la 13an de Julio 1941.

Eugène Gabert de tridek jaroj
La grupon St.Etienn'an gvidas
Kun neŭtraleco li prezidas
Al venkaj kaj malvenkaj faroj

Li, antaŭ dekoj, kvinoj, kvaroj
Sur la brakseĝ' tro larĝa sidas
Eugène Gabert de tridek jaroj
La grupon St.Etienne'an gvidas;

Kaj malgraŭ ĉiuj kontraŭstaroj
Idistaj, sennaciaj, fidas
La Estontecon, kiu ridas
Al la lojalaj soldataroj.
Eugène Gabert de tridek jaroj.



Esperantina R. Triĉkova:

# Renkonto.

Ni prezentas hodiaŭ al la legantaro de ESPERANTO originalan verkajon de Esperantina Triĉkova, en Vraca filino de nia ĉefdelegito, 16 jara denaska esperantistino.



Jam vesperiĝis. La lasta kanonpafo skuigis aeron. La eĥo ĝin ripetis kelkfoje kaj post tio estiĝis misprofeta silento. La francoj estis venkitaj kaj retiriĝis malorde. La germanoj antaŭeniris rapide kaj larĝfronte. La kamparoj ĉirkaŭ Saint-Omer estis sursemitaj per mortigitoj. Malbonodoris je morto kaj kadavroj. La germanaj sanitaristoj rapidis kolekti la pligrave vunditojn kaj doni al ili la unuan helpon. Ĉi-foje ili devis multe kaj pene labori.

Subite al la proksima valo de l'arbaro aperis komplete armita germana soldato. Laŭ ĉio vidiĝis, ke li misorientiĝis en la arbaro kaj nun rapidis kuratingi sian taĉmenton. Li iris pene, kun kapo klinita, timeme ĉirkaŭobservis kaj abomene rigardis la efikon de l'milito. Forta animangoro turmentis lin je la vido de la sennombraj viktimoj, sennomaj patroj kaj fratoj, certe atendataj kortreme de siaj hejmanoj kaj proksimuloj.

Neatendite li aŭdis obtuzan ĝemon. Helponpetanta voĉo, en nekomprenebla por li lingvo. La germano direktiĝis al la voĉo aŭdata kaj haltis antaŭ grave vundita franca soldato. Lia koro flustris helpon, malgraŭ ke ili estis „malamikaj". Li proksimiĝis. La vundito peze ekĝemis kaj obtuze elparolis ion. Nekompreninte la vortojn, la germano genufleksis antaŭ li, kliniĝis proksime el lia vizaĝo kaj demandis germanlingve:

„Ĉu vi estas vundita, kamarado? Per kio mi helpu vin?" La vundito apenaŭ malfermis siajn peziĝintajn palpebrojn kaj reekparolis ion nekompreneblan. La germano ne komprenis la francan, nek la franco la germanon. Subite penso kiel fulmo trakuris la cerbon de la germano kaj li redemandis en Esperanto. Li parolis tiun ĉi lingvon, kvankam ĝi estas malpermesita en Germanujo.

„Ĉu vi estas vundita, kamarado kaj per kio mi povus helpi vin?" Demandis li per tremanta voĉo. Momente la vizaĝo de l'franco heliĝis kaj en liaj okuloj ekbrulis hela kaj ĝoja flameto.

„Jes, frato! Donu al mi iomete da akvo, ripetis li en la sama lingvo. La germano tuj alcelis la plenan soldat-akvujon al la brulantaj lipoj de l'franco, kiu soife kaj longe trinkis.

„Dankon, frato. Mi tre dankas al vi. Kia stranga renkonto! Anstataŭ je kongreso en Marseille.... ĉi-tie.... en la arbaro.. en tia medio. Kia domaĝo!

La germano komprenis ke oni perdas valoran tempon kaj redemandis: „Frato, vi estas serioze vundita. Kio estas la vundo, por ke mi bandaĝu ĝin!

„Ne plu necesas.... jam malfrue.... senespera ja estas.... Mi mortos....' mi ĝin antaŭsentas....

Kaj la bluaj bonanimaj okuloj de l'franco pleniĝis per larmoj. Li ploris silente. La germano ekprovis lin konsoli. „Ne, ne! sencele konsoli min, frato, ĉio estas finita. Mi mortos, tamen proksime ĉe siulo.... samideano. Almenaŭ mi estas feliĉa.... ke je mia morthoro ĉeestos vi.... proksime. Kvankam „malamikoj", ni estas fratoj .... jes mi sentas tion....

La brusto de l'mortanto plene moviĝis. El ĉio vidiĝis, ke li faras lastajn penojn paroli, sed daŭrigis:

„Aŭdu, frato.... en tiu ĉi momento vi ĵuru al mi.... ke vi plenumos mian peton.... lastan peton de mortanto.... Ŝovu vian manon en mian poŝon.... jen tie ĉi, dekstren....!

La germano per tremantaj manoj malbutonumis la soldatjakon kaj elprenis el la ekstra poŝo rozkoloran koverton. El ĝi falis teren letero kun portreto de virino kaj du infanoj. Sur la koverto oni vidis adreson, skribita per bela kaj nete legebla virina manskribo: Henri Tiard, k. t. p. La germano eksciis la nomon de l'vundito, kiu prenis la foton kaj kisis la bildon de siaj proksimuloj, redonis ĝin al la germano kaj singultante li diris:

„Vi jam scias mian nomon.... interne estas la adreso.... de miaj, mia fino ja alvenas. Mi estas de Lyon. Post mia morto, estu tiel afabla plenumu mian peton. Diru al miaj familianoj.... ke ilia paĉjo... sendas al ili sian lastan kison kaj karesas iliajn vangojn.... diru al ili, ke li mortis apud homo, proksimulo, kies ĉeesto faciligis al li la morthoron. Ili scias Esperanton, mia edzino estas estonino.... ni konatiĝis en Danzig dum universala kongreso....

Fluadis la larmoj el la okuloj de l'franco. Li pene daŭrigis:

„Promesu, ke trapasonte Lyon'on vi plenumos mian lastan peton, Se vi ne trovos ilin tie.... promesu.... elserĉi ilin kaj estu ilia amiko.... Alimaniere.... ili nenion ekscios pri mia morto.... certe, estas nenecesa.... sed mi volas scii vian nomon....

La germano ankaŭ ploris. Li kaptis ambaŭ mlanojn de l'mortanto en la siajn kaj sufokiĝante pro singultado kaj ploro ekflustris:

„Arthur, Arthur Just el Düsseldorf, mi promesas, mi ĵuras al vi.... La vizaĝo de l'franco ekradiis. Li ne returnis sian noblan rigardon el de tiu de l'germano. Kun lasta peno kaj peze spirante li rekomencis: „Dankon.... kaj por vi tion ĉi!"

Per lasta gesto li demetis de sur sia maldekstra brustflanko malgrandan verdan stelon. Sur ĝia emajlo briletis du gutoj da sango. La emblemo esperantista kaj la simbolo de l'internacia frateco, solidareco kaj interkompreniĝo. Kun eksterhoma penado kaj apenaŭ spirante li findiris:

„Tio.... rememorigas al vi.... pri nia unua.... kaj lasta renkontiĝo..... Utinam....!

Li ne findiris. Oni ne komprenis ĉu bondeziron li eldiris aŭ malbenon. Obtuza ekspiro eliĝis el lia buŝo, lia kapo defalis kaj li mortis en la brakoj de la germano.

Super li Arthur silente ploris. Kaj ne kiel malamiko, sed kiel frato kaj amiko. En sia tremanta mano li tenis la verdan steleton kaj mediteme, apenaŭ aŭdeble li ripetadis:

„Mi ĵuras! Se mi restos vivanta mi plenumos vian lastan deziron, frato. Dormu trankvile. Viaj familianoj almenaŭ scios kie estas via tombo."

En la arbaro de Saint-Omer, sur la malvasta herbostrio, en la kavajo, elfosita de la fatala germana obuso, kiu mortvundigis Tiard'on, nun elstaras freŝa tombo, kronita per velkiĝintaj arbarfloroj. Super ĝi, etendiĝante la brakojn, staras simpla tabulkruco kun surskribo, ĉizita zorge per ordinara poŝtranĉilo:

**Al Henri Tiard, franco de lia kamarado esperantisto**
**Arthur Just, germano.**

# Universala Esperanto-Asocio

Palais Wilson, Genève, Svislando

1941 — Oficiala Informilo — N-ro 3

## Adressanĝoj.

Joseph W. Dubin, Komitatano de UEA, 162 W. Hortter Street, Philadelphia, Pa.

Albert E. Hepton, brita ĉefdelegito, 10 Linden Avenue, Cottingham, Yorkshire.

Radoslav K. Tričkov, bulgara ĉefdelegito, Kooperativo „Napred" Trevna, Bulgario.

Daniel Quarello, ĉefdelegito argentina, Str. Sarmiento 3867 Buenos Aires, Argentinio.

## Subtenantoj.

La sekvantaj personoj bonvolis aliĝi por la jaro 1941 kiel Subtenantoj. Ni esprimas al ili koran dankon.

26. S-ro Manuel de Freitas, Porto, Portugal.
27. S-ro Leopoldo Goncalvez, Fernandez, Porto.
28. S-ro D-ro Jorge S. C. Santos, Porto.
29. S-ro Diniz Cupertino, Porto.
30. S-ro Herbert Hammer, Zürich, Svis.
31. S-ro Jacob Jacobsson, Nordmaling, Svedlando.
32. S-ro Luzo Bemaldo, Lisboa, Portugal.
33. S-ro D-ro Harry G. Schatz, Brooklyn, N. Y.
34. F-ino Zafirka Dimitrova, Sliven, Bulgario.
35. S-ro F. Verot, Saint-Etienne, Francujo.
36. S-ro Georges Stroele, Neuchatel, Svislando.
37. S-ro Alvin L. Ziegenhagen, Poy Sippi, Wisc. Usono.
38. S-ino Dave A. Morris, Newyork, USA.
39. S-ro Jules Wolf, La Chaux de Fonds, Svislando.
40. S-ro D-ro John E. Bauman, Saint-Louis, Mo. USA.

## Novaj lokoj kun Delegitoj

**Buenos-Aires** (Argentinio) — D.: (Medicino) — D-ro J. A. Quina Gonzalez, kuracisto, Str. Uruguay 714

D.: (Literaturo) — Anastasio Lopez Luna, Rincon 120.

D.: (Religio) — Mariano Caivo, stata oficisto Str. El Rastreador 679 Liniers.

D.: (Komerco) — Higieno Garcia, librotenisto Azcuenaga 369.

**Mèxico D. F.** (Meksiko) — D.: Mariano Cardona Rosell, profesoro-tradukisto, Avenida 20 de Noviembre no. 91, dep. 9.

**Nyons** (Francujo, Drome) — D.: Auguste Pialla.

**Rosario de Santa Fé** (Argentinio) — D.: Hugo Ceretti Argentina Radioteknika Lernejo, Str. 3 de Febrero 1366.

**Saint-Louis** (Usono, Missouri) — D.: D-ro John E. Bauman, 10 No., 10-th street.

**Statistiko 1941.** — Malgraŭ la ĉiu-specaj baroj, neebleco korespondi, malpermeso de nia lingvo, kaj aliaj, la korespondado ĉe la Centra Oficejo ne malkreskis tiom, kiom oni rajtus supozi:

| Monato: | Leteroj: | Postkartoj: | Presajoj: | Sumo: |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 109 | 3 | 484 | 596 |
| Februaro | 80 | 4 | 111 | 195 |
| Marto | 80 | 15 | 82 | 177 |
| Aprilo | 70 | 12 | 380 | 462 |
| Majo | 85 | 7 | 65 | 157 |
| Junio | 82 | 1 | 27 | 110 |
| 1-a duonjaro 1941 | 506 | 42 | 1149 | 1697 |

Sumo de forsenditaj poŝtaĵoj el Centra Oficejo: 1697.

# Esperantista Interhelpo

D-ro W. Lippmann.

Antaŭ tri jaroj la Esperantista Interhelpo entreprenis klopodojn favore de akademiano Walter Lippmann advokato en Leipzig, iama kunlaborinto de nia gazeto, sperta analizanto de la gramatiko de nia lingvo. D-ro Lippmann fine sukcesis forlasi sian estintan hejmlandon kaj atingis meze de Julio, Novjorkon. Lia nuna adreso estas D-ro W. L., c/o Mrs. George Cahn, 2013 Bryant Ave., Bronx, New York. Li kore dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj per konsilo kaj materia helpo volis kunhelpi, ke li povis fine atingi liberan landon kie li povos rekonstrui fuŝitan ekziston.

## D-ro W. Solzbacher

Tre aktiva aganto por Esperanto inter katolikoj estis D-ro Wilhelm Solzbacher, el Honnef am Rhein. Rifuĝinto en Luksemburgo li sukcesis fiksiĝi en Belgujo kaj pasintjare atingi sekuran lokon en Francujo. Li nun atingis kun sia kvinkapa familio, Novjorkon. Lian adreson ni komunikos pli malfrue.

## Bernhard Selzer

Samideano Bernhard Selzer, el Vieno, internigita dum dek monatoj en Francujo, atingis Novjorkon. Lia adreso nun estas: B. S., 128 Lee Avenue, Brooklyn, New York, U. S. A.

## Esperantistaj rifuĝintoj

S-ro Mariano Cardona Rosell, nuna adreso:
Avenida 20 de Noviembro no. 91, dep. 9., Mexico, D. F.

S-ro Siegmund Freund, estinta delegito de UEA en Breslau nun: S. F., c/o Foerder, Ramath Haschavim, Palestino.

## Esperantistaj civilinternigitoj

S-ro Eduardo Vivancos, 226 Groupe T. E., Bram Aude, Francujo

S-ro Ludoviko Pintado, 139-ème Groupe, T. E. La Chaise Dieu, Haute Loire

S-ro Joseph Girones, 5-eme Groupe T. E. Voglans par Le Viviers, Savoie

S-ro H. Harasin, Groupe A-10, Camp des Milles, B. d. Rh. Francujo

# Regularo

## pri premioj 1941.

1. **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31 Majo 1941 (por la jaro 1941).

2. **Premion** rajtas elekti ĉiu nova ano dum daŭro de l'administra jaro 1940, ĝis 31 Decembro 1941.

3. **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio, dum la kuranta administra jaro.

4. **Premion** de Subtenanto rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon. Subtenanto frupaginta rajtas plie la premion de frupago.

5. **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6. **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7. **Premion** laŭ listo 1941 rajtas: Membro kun Jarlibro unu numeron, Membro-Abonanto du. Ĉiam indiku tuj pliajn premiojn, se okaze unue elektita jam elĉerpiĝis. (Litero B = bind: Br. = broŝurita).

# Premioj de UEA dum 1941

(Premioj ankoraŭ haveblaj)

6. Krishnamurti: Ĉe la piedoj de la Majstro. B.

7. M. Wolf: Patreco. Kvarakta socia dramo Br.

14. Adria Gual: Mistero de doloro Dramo. Br.

25. Malnovaj paĝoj: el Lingvo Internacia. Br.

28. W. Bayle Bernard: Lia lasta ŝanco Br.

31. *** La vendreda Klubo, 11 div. artikoloj. Br.

41. Goldsmith: Ŝi kliniĝas por venki. Komedio. B.

45. LINGVO INTERNACIA. Literatura Aldono. B.

55. Kivi A. La botistoj, Fianĉiĝo, Lea Du vol. Br.

58. Hebbel: Minna de Barnhelm, Komedio Br.

61. H. Heine: Atta Troll. Kart.

62. Lejzerowicz: El la verda biblio. B.

68. La tria, Notoj pri la Tria kongreso. Br.

69. Mazuranic: La morto de Smail Ada Ĉengijiĉ. B.

77. H. Drummond: Kvin paroladoj. (Kristanismo) Br.

79. Aymonier: Une langue vivante artificielle. Br.

80. B. Kotzin: Historio kaj teorio de ido, Detala studo. Br.

81. Ivan H. Krestanov: Bulgara lando kaj popolo. Br.

84. Migliorini: Esperanta legolibro. Br.

87. La floretoj de S-fa Francisko, trad. Pizzi. Br.

96. Kvin volumetoj el Esperanta Biblioteko Internacia: Nordgermanaj rakontoj (La Instituo Milner) (Reaperantoj) (Sinjoro Herkules) (El Komedioj). Br.

97. D-ro Javal: Inter Blinduloj. Br.

101. Molière: Georgo Dandin, Komedio. Br.

103. Bossière: Sur la feliĉvojo. Br.

113. Frazlibro de la ĉiutaga vivo (German. Esp. (Komercaj leteroj).

118. Lessing: Natan la saĝulo. Dramo ĉa poemo. Kart.

120. Sterben: Fundamentoj de la kvakerismo. B.

123. Intima frazludo Kartludo esp.

125. Libro de la kvina kongreso de Esperanto. 1909.

130. Internacia Teatraĵaro. Redaktis A Kenngott.

133. Salon-Aleĥem: Hebreaj rakontoj Sienkiewicz: Ni sekvu lin. Devjatnin: Plena verkaro. Tria volumo. Tri broŝuroj).

135. Tri volumetoj el Dekcenda biblioteko: 1. La fantoma edzino. 2. Rübezahl. 3. Usono.

136. Karinthy: Vojaĝo en Farmidon. Du ŝipoj. Br.

137. Lu Ŝin: La vera historio de A. h. Q. El ĉina lingvo. B.

138. Internacia Legolibro 124 p. Br.

139. Laŭroj. Kolekto de originalaj verkoj premiitaj en la Unua Literatura Konkurso de LA REVUO: Br.

141. Tri unuaktaj komedioj. Br. La fianĉiniĝo de sovaĝulineto. Triakta komedio. Br.

143. Tennyson: In Memoriam. Br. Gvinevero kaj aliaj poemoj. Br.

144. Komercaj leteroj (Berthelot Lambert) Br. Kurso Tutmonda de la Lingvo Esperanto, laŭ natura metodo. Br.

149. Majakovskij. Per voĉo plena. Poemoj Jaume Grau Casas: La lasta poemo. Br.

151. Balzac: La firmao de la kato kiu pilkludas: Bonsels Solandro. Br.

152. Vortoj de kamarado E. Lanti. 190 p. Kart.

153. Kolekto de katolikaj libretoj; Preĝareto. Kristo kaj la Ligo de Nacioj. Esperdona Islando. Graco atendanta. Tarcizio. Klari, romano, 136 p.

155 Ilustritaj rakontetoj. Internacia Dialogaro. Ĉiutaga vivo. Tri broŝuroj.

156. Norda literaturo. Kolekto de literaturaj verkoj el Norda Eŭropo. Vol. I kaj II.

157. Bredel: Maŝinfabriko N. & K. Romano el ĉiutaga laborista vivo, 180 p. — Erdberg: Ĉinaj noveloj. 72 p. — Br.

158 Avila. Priskribo de fama urbo hispana (ilustrita) — L. Krysta: Marionetaj ludoj. — Pri la prononcado de Esperanto.

162. Ignat Hermann: Fokso Nuksó. Memorinda, instrua kaj averta rakonto, B.

163. G. Eekhoud: Servokapabla, Marcus Tuhout. — Verda: Fajreroj, kolekto de versaĵoj. Br.

164. De Segur: Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj. 210 p. Br.

165. K. R. La reĝo Judea. Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. Trad. Devjatnin.

167. Kolekto de diversaj libretoj kelkpaĝaj, kunbinditaj. Ofero de monaĥo. La puntistino, Libro de Kanto. (Heine) Esp. Perleroj k. a.

168. Vilhém Verner: Heroj sur flosglacio. Komedio en tri aktoj. B.

169. Irving: El la skizlibro. Bertarana: Barbaraj prozaĵoj. Br.

170. Orzeszko: La interrompita Kanto (trad. Kabe. Molière. La malsanulo pro imago (trad. Velten). Dua legolibro.

171. Pol-Pomeranio. Informa broŝuro pri la situacio de Okcidenta Polujo (Pola vidpunkto). Br.

172 Kolekto de kvindek belaj turismaj presaĵoj en Esperanto.

174. Strindberg: Pario — (Unu akto). Van Stipriaan Luiscius: Karaktero. — Bonsels: Solandro. Tri broŝuroj.

175. Raimund: La malŝparulo. Sorĉfabelo Bonsels: Solando. Br.

176. Kvar diversaj kajeroj: Nothnagel: La mortado (scienca verketo) Lansel: La Retoromanĉoj (etnografia studo) Teo Jung: La alta kanto de la amo, Jaume Grau Casas: Novaj amaj poemoj.

177. Carlo Goldoni: Kurioza okazaĵo, komedio. Modrijan Elementoj latinaj en Esperanto. Grenkamp: Pola folkloro kaj popolkanto.

179. E. Drezen: Skizoj pri teorio de Esperanto. 2. Pri problemo de internaciigo de scienca teknika terminaro. 3. Analiza historio de la Esperanto Movado. Tri valoraj kajeroj, kune 250 paĝoj da teksto. Br.

180. Petro Den: Kiel fariĝi kreanto facile kaj rapide. B.

## Escepta Premio por Membroj en Svedujo kaj Svislando

**Membro-Abonantoj en la du cititaj landoj rajtas ankaŭ elekti unu premion laŭplaĉe el la tri sekvantaj:**

1. **KATALUNA ANTOLOGIO. Kvincentpaĝa verko- (Vendprezo 10 Frk. sv.)**
2. **La ŝlosilaro de Esperanto. Kolekto de ŝlosiloj en kvardek lingvoj (Germana kaj Ukraina mankas)**
3. **Du diskoj nerompeblaj. 1. Himno esperantista. Bildario el la opero. La sorĉa fluto de Mozart. 2. Ario de l'duko el opero Rigoletto. (La donna è mobile)**

— Presis: E. Schoop & K-io, Urnäsch —